PORTO ALEGRE, OKTOBRO/2000
N-RO 1 (9) - KREITA EN 1991 - 2a FAZO
REDAKTAS CÉSAR DORNELES SOARES
MAL. FROTA, 278 - PK-do 91350-030

# Jes Ja! 1




## SALUTON, KARAJ!

C^ion bonan al vi!
Via-mane la eldono kiu signalas la revenon de JES JA! - la sendependa E-gazeteto divers-tema de Porto Alegre. Oni esperas, ke al la legantoj de GAJA HAVENO (kiu ne plu cirkulos) plac^u la legado de JES JA! Rimarkindas la fakto, ke specialaj vort-provizoj c^e la fino de la materialoj aù tekstoj du-lingvaj stimulos la pli-grandigon de la lingva repertuaro de multuloj.
Por fini, onian koran dankon al ges-anoj Luiz Fernando Puhl kaj Cleonice de Lima Rodrigues pro la kunlaboraj^oj tiel prete liveritaj.
Bonan legon!

(La Redaktoro)

LUIZ FERNANDO PUHL (*)

## KELK-LINIE PRI LA ANARKIISMO

Anarkiismo nek povas esti konfuzita kun "anarkio" - en la senco de "malordo" -, nek povas esti konfuzita kun "akratio" - kiu signifas "manko de regado". Anarkiismo estas la sintezo de iu sento pere de kiu individuoj inter-rilatig^as en iu socia sistemo senigita de aùtoritato.

[ ]

La anarkiismo ne devas identig^i kun la povo, kun la perforto kaj la dominado. Por atingi la liberecon g^i agos por la malfortigo kaj malcentralizo de la S^tato; por atingi la pacon g^i predikos pri la Sociala Justeco kaj la eksigo de la militistaj instancoj; por atingi la amon g^i sin dedic^os al la solidareco kaj al la reciproka helpo.

[ ]

La anarkiistaj skoloj multig^as kaj ne koncernas al mi jug^i ilin, des pli pro tio, ke mi ne akceptas esti jug^ata de ili; la anarkiisto timas nenion kaj neniun, li ne timas la aferojn de c^i tiu aù alia mondo; li estas individualista, nobla kaj solidara; li c^iam ekzistis, ekzistas kaj ekzistos - c^ar li posedas spiritajn koneksojn kiuj iel estas ligitaj al la dia amo.

VORT-PROVIZO: manko= ausência, regado: governo, senigita: destituído, identig^i= identificar-se, povo= poder, perforto= violência, prediki= pregar, eksigo= dissolução, ne koncerni al iu= não caber a alguém, jug^i= julgar, des pli pro tio, ke= até porque, konekso= conexão, laço (f.).

(*) La aùtoro estas esperantisto kaj anarkiisto.

**************************************

"BABILA RONDO" OKTOBRE:

14-10 - VIZITO AL LA MEMOREJO DE RIO GRANDE DO SUL

21-10 - STUD-LEGO DE LA RAKONTO "LA KAPTILO", FAR JULIAN MODEST

**************************************



"VIVI ESTAS DESEGNI SEN SKRAP-GUMO." (MILLÔR FERNANDES)



**Kio?** "Mona Lisa"
**Kies?** Leonardo el Vinc^i (1452-1519)
**Kiam?** 1503-6, dum Renesanco
**Kion pli?** Oni ankoraù konjektas pri la vera identeco de la modelo. C^u ino aù... viro?

VORT-PROVIZO: Konjekti= conjeturar, identeco= identidade.

POR PRIPENSI

## KULTURO KAJ NOVLIBERALISMO

EN TIU NOVLIBERALA SOCIO KIU SPIRAS IUN GLOB-KOLONIANTAN KULTURON, KONSUMISTAN, LA VERA KULTURO ESTAS ANSTATAÙITA DE LA AMUZIG^O. ONI KLOPODAS FORMI KONSUMANTOJN KAJ NE CIVITANOJN. MALPLI DA RACIO KAJ PLI DA EMOCIO. KULTURO ESTAS C^IU KIU HUMANIGAS NIAN SPIRITON KAJ NIAN KONSCIENCON. NU BONE, KIEL LA SISTEMO MULTOBLIGOS SIAJN PROFITOJN SE LA HOMOJ HAVOS KRITIKAN SENCON KAJ SPIRITUALAN RAFINON?

Monah^o Betto,
en la revuo "Caros Amigos"/42

Nessa sociedade neoliberal que respira uma cultura globocolonizadora, consumista, a verdadeira cultura é substituída pelo entretenimento. Busca-se formar consumidores e não cidadãos. Menos razão e mais emoção. Cultura é tudo aquilo que humaniza o nosso espírito e a nossa consciência. Ora, como o sistema multiplicará os seus lucros se as pessoas tiverem senso crítico e refinamento espiritual?

Frei Betto,
na revista "Caros Amigos"/42

LEO GILSON RIBEIRO, EN SIA RUBRIKO EN LA MONATA REVUO "CAROS AMIGOS" (AÙG/2000) OPINIIS PRI LA NUNTEMPA SITUACIO DE LA PROGRAMOJ DISPONEBLAJ SUR LA EKRANETO DE NIAJ TELEVIDILOJ. JEN FRAGMENTO EN KIU LI ANALIZAS LA KABLAN TELEVIDON "NET".

Mi ne scias g^is-kiagrade la multe-foje sen-utila kabla televido "Net" estas reprezentiva de la televidoj en la mondo. Estas kanaloj el Usono, el Francio, el Kanado, el Germanio, el Italio, el Hispanio i.a. kun supereco de la usonaj. La plej malforta estas certe iu malfacila problemo: c^u estos "Sony" aù tiu de la numero 50? Tie oni nur vidas komedietojn "made in USA", terurajn stultaj^ojn de humuro el la tipo C, nek la "nivelon" B ili sukcesas atingi. La itala RAI, kontraùe al tiu kiun oni povus esperi de iu lando de tiel antikvaj kulturo kaj artoj, estas pura tempo-perdo. Sengustaj politikaj debatoj - oni havas la impreson, ke "L'Italia si diverte": porc^iame ludoj, g^imkanoj, "canzoni" el San Remo - en kia mondo vivas RAI?

[ ]

La hegemoniaj kanaloj el Usono estis faritaj - en la granda plejmulto el la kazoj - por iu publiko de preskaù tuta manko de kvociento pri inteligento. Nun, kvazaù Brazilo bezonus tion, iu usona dom-mastrino, Martha Stewart, intencas doni lecionojn pri hejma laboro, ekster la usona kunteksto, kio montrig^as mallogika. Plus unu invado, kiel la troo da reklamado: kelk-foje antaù-matene duon-horo da reklamoj pri gluoj, polvo-suc^iloj kaj similaj - estu pacienco! Kaj "Net" estas la televido pagata de la spektantoj, krom la tro-altpreza "pay-per-view" kaj la elsendoj - pagita kompreneble du-foje - de futbal-matc^oj...

[ ]

Kvankam Deutsche Welle, numero 29, alternigas la german-lingvajn programerojn kun la elsendo de la sama materialo en la angla kaj pli-etskale en la hispana, estas preskaù, se oni povus diri, aùtisma: germanaj temoj por germanoj kaj la intenco diskonigi c^ion pri Germanio, de alt-teknologiaj fabrikoj al muzeoj, preg^ejoj kaj naturaj pejzag^oj, multe da "Kultur". Mal-ofte iu atingo pli internacia: kultur-filmo pri Barato rompas la monotoniecon de la insisteco pri la "Deutscheland über alles" (Germanion antaù c^io) - domag^e!

[ ]

La hispana televid-stacio per sia "Telediario" surprizas pro la kosmopolita pritrakto montranta tion kio okazas tra la tuta mondo, kun ofta mencio pri Brazilo, sed ne reduktante sian percepton al la mizeraj kvartaloj kaj al la "endemia" brazila korupteco.

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

SE VI DEVUS MORTIGI FAMULON KIU ANKORAÙ VIVAS, KIU ESTUS KAJ KIEL VI FARUS?
(Redaktaj^-temo c^e lernejo de Franklin, Ohio, Usono)

++++++++++++++++++++++++++++++++++++++

[ ]

Ankaù estas interesaj la kanaloj de GNT kaj la t.n. "People & Arts": ili pritraktas instigajn temojn kaj "kondukas" nin al foraj landoj kiujn tre vers^ajne ni neniam vizitos, kiel Uzbekion. "Discovery" estas aparta kanalo: temas pri erudiciaj elsendoj pri scienco, historio, la sovag^a vivo. Malfelic^e oftas la nombro da eraroj portugal-lingve en ties dublita versio por Brazilo.

[ ]

"Telecine" (kanalo 61) estas iu disrevig^o. G^i konfirmas tion kion iam mi aùdis el iu "big boss", reprezantanto de iu studio de Holivudo en San-Paùlo: "Ni ne alportas bonajn filmojn c^i tien c^ar en Brazilo ne estus publiko por ili...". "Telecine" limig^as al usonaj filmoj - nenia montrado de filmoj francaj, svedaj, anglaj, italaj ktp.

[ ]

Estas sen-utile s^alti la televidilon sur la londonan BBC. Tre mal-ofte g^i atentig^as pri Latin-Ameriko. G^i preferas resti en la rememorado de la senigita Imperio: Aùstralio, Afriko, Usono, la fora Oriento de la tempo dum kiu C^inio ankaù parto-prenis en la "Commonwealth": iu miriga kaj tre partia et-menseco. "Savig^as" la intervjuoj de Tim Sebastian malfrue en la nokto. Kaj restas preskaù nur.

---

VORT-PROVIZO: rubriko= coluna, programo = programação, ekraneto= telinha, g^is-kiagrade= até que ponto, Usono= Estados Unidos, supereco= supremacia, stultaj^o= baboseira, sengusta= chocho, porc^iame= eternamente, plejmulto= maioria, manko= ausência, dom-mastrino= dona-de-casa, troo= excesso, reklamado= publicidade, gluo= cola, polvo-suc^ilo= aspirador, tro-altpreza= exorbitante, elsendo= transmissão, matc^o= partida, pli-etskale= numa escala menor, diskonigi= divulgar, preg^ejo= igreja, atingo= alcance, Barato= Índia, domag^e= é pena, pritrakto= enfoque, kvartalo= bairro, t.n. (mll. de "tiel nomata")= assim chamado, fora= distante, vers^ajne= provavelmente, Uzbekio= Usbequistão, disrevig^o= decepção, alporti= trazer, limig^i= limitar-se, s^alti= ligar, resti en la rememorado= repousar nas lembranças, senigita= extinto, miriga= espantoso, partia= parcial, et-menseco= estreiteza de mente, savig^i= salvar-se, intervjuo= entrevista.

---

E-HISTORIO

## KIEL PEREIS LA FAMILIO DE D-RO L. ZAMENHOF

(2-A PARTO)

Isaj Dratver, eks-prezidanto de E-Ligo Israela

Evidentig^is, ke la germanoj arestis la filon de doktoro Zamenhof doktoron Adamon, kiu estis c^efkuracisto de la Oftalmologia Fako en la Juda Hospitalo kaj post eksplodo de la milito, pro forkuro de la antaùa direktoro, farig^is direktoro de la hospitalo. Oni arestis lin en la Flegistina Lernejo, trovig^anta sur tereno de la hospitalo, , kie estis disponigita por li c^ambro. Kiel rakontis al mi atestantino-instruistino de la lernejo, venis gestapanoj, s^i ec^supozas, ke ili portis kuracistajn uniformojn kaj demandis pri doktoro Adamo Zamenhof, direktoro de la hospitalo. Ili demandis pri li en germana lingvo kaj ies asertoj, ke la arestinto parolis Esperanton, estas malveraj. Post kelkminuta estado en lia c^ambro ili forlasis g^in kune kun Adamo Zamenhof, kiu estis tre pala. La saman tagon en la hospitalo oni arestis lian edzinon




Não há paz
sem amor
não há sono
sem sonhos
de amor -
seja louco ou frio
obcecado por anjos
ou máquinas,
o desejo final
é o amor.

Allan Ginsberg (1926-1997), usona poeto

NE ESTAS PACO/ SEN AMO/ NE ESTAS DORMO/ SEN SONG^OJ/ PRI AMO -/ C^U FRENEZA C^U MALVARMA/ BLINDIGITA PRI ANG^ELOJ/ AÙ MAS^INOJ,/ LA FINA DEZIRO/ ESTAS LA AMO.

******************************************

doktorinon Wandan kaj fratinon doktorinon Zofian. En la hejmo de gesinjoroj Minc, la saman tagon, la germanaj arestis fraùlinon Lidjan kaj doktoron Henrikon Minc, bofraton de Wanda, kiu tute ne estis esperantisto. Lin oni prenis anstataù Ludoviko, tiam malsana, supozinte vers^ajne, ke la knabo havas tifon. La arestitajn virinojn oni ellasis post la kelksemajna malliberigo en la porvirina malliberejo nomita "Serbia" (...). Ek de januaro 1940 doktoroj Adamo Zamenhof kaj Henriko Minc ne plu trovig^is en la varsovia malliberejo Pavjak. Laù iuj nekontrolitaj onidiroj, poste ili trovig^is en la germana koncentrejo Stutthof. Precizaj cirkonstancoj kaj dato de ilia morto ne estas konataj. C^u la germanoj ilin mortpafis aù bruligis en kremaciejo aù sufokis en gaskamero ne estas grave. La rezulto ja estas la sama! ... La germanoj, tuj post okupo de Polujo kaj Varsovio, komencis persekuti la civilan log^antaron, precipe la judan. Jam en novembro 1939 c^iuj judoj, plenkreskuloj kaj infanoj, devis porti specialan insignon. (daùrigota)

---

VORT-PROVIZO: aresti= prender, fako= secção, milito= guerra, forkuro= fuga, farig^i= tornar-se, flegistina= de enfermeiras, trovig^i= encontrar-se, atestantino= testemunha, gestapano= membro da Gestapo, aserto= afirmativa, malvera= falso, forlasi= abandonar, pala= pálido, ellasi= deixar sair, malliberigo= aprisionamento, malliberejo= prisão, onidiro= boato, mortpafi= fuzilar, bruligi= queimar, kremaciejo= forno crematório, log^antaro= população, precipe= principalmente, plenkreskulo= adulto.


# Jes Ja!

VENONT-NUMERE

5a VERDA RENKONTIG^O PER FOTOJ


---

## INTERVJUETO KUN CLEONICE DE LIMA RODRIGUES

---

Cleonice de Lima Rodrigues, unu el la plej aktivaj E-istinoj de la loka movado en la 80aj kaj 90aj jaroj, estas la intervjuata de c^i tiu eldono de JES JA!:

JARO DE ESPERANTISTIG^O: 1979
NASKIG^-URBO: Porto Alegre
SIGNO: Leono
VIV-FILOZOFIO: Respekti la aliulojn
IU KVALITO VIA: Esti ridema
IU MALVIRTO ALIULA: Komplekso pri supereco
IU MANIO: Kiam mi alvenas hejmen, mi malfermas la fridujon por vidi c^u estas novaj^o kaj nokte, antaù ol dormi, mi certig^as c^u la forno estas mals^altita.
IU REVO: Ac^eti domon.
IU ESPERO: Esti patrino
IU SOPIRO: Pri mia infaneco kun miaj gefratoj
IU NEFORGESEBLA TAGO: Kiam mi translokig^is al etag^-domo - mi estis 13jarag^a
IU LOKO: Porto Alegre
IU LIBRO: "La Eta Princo"
IU VERKIST(IN)O: Jorge Amado
IU MUZIKAJ^O: "Vento Negro"
IU KANTIST(IN)O: Gonzaguinha
IU FILMO: "Alguém para Dividir os Sonhos"
IU KINO-ARTIST(IN)O: Beth Davis
IU TV-PROGRAMERO: "Show do Milhão"
IU TV-ARTIST(IN)O: Glória Pires
IU POLITIKIST(IN)O: Luiz Inácio Lula da Silva
IU PERSONECO: Lázaro Luís Zamenhof
IU HOBIO: Iri al bingo-ludejo
IU DISTRAJ^O: Promeni c^e parko
IU SPORTO: Basketbalo
IU PLADO: Lazanjo
IU BESTO: Leono
IU KOLORO: Blanko
AMI ESTAS...: Respekti, esti dedic^ema, fari la alia(j)n felic^a(j)
VIVI ESTAS...: Povi profiti c^iun tagon
ESPERANTO ESTAS...: Interna idealo

## ESPERANTO PER PILOLOJ (1)

LONGA

- La rivero havas 500 kilometrojn da longo.
- La rivero estas longa je 500 kilometroj.
- La rivero estas longa 500 kilometrojn.

KIEL DIRI?

"Fone de ouvido" = kap-aùskultilo
"fotogênico" = fotoplac^a
"goleador" = golarulo
"telefone celular" = pos^-telefono

JE

Rimarku kelkajn uzojn de "je":
- La infanoj ludis je soldatoj.
- Mi estas je du jaroj pli ag^a ol mia fratino.
- S^i gravedig^is je g^emeloj.